KONGRESA NUMERO

# THE BRITISH ESPERANTIST



With which is incorporated
INTERNATIONAL
LANGUAGE

Vol. XXXI., No. 390
OCTOBER 1937
Price 2d

THE OFFICIAL ORGAN OF THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION

Printed by V. V. SUMFIELD, Station Street, Eastbourne, for the Publishers, THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC., 142, High Holborn, London. W.C.1.

# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXI, No. 390 OCTOBER, 1937

## LA REDAKCIO KOMENTAS

MALHELA ombro de la organiza konflikto modifis la harmonian karakteron de la Jubilea Kongreso en Varsovio, pri kiu ni aperigas raportojn en la nuna numero.

**Unueco**

En la espero, forigi unu fojon por ĉiam en la Jubilea Jaro tiun nubon, reprezentantoj de IEL kaj UEA kunsidadis dum la tuta daŭro de la kongreso, sub la neŭtrala prezidado de d-ro Adam Zamenhof, la simpatia filo de nia Majstro, en la laborĉambro, en kiu la aŭtoro de Esperanto faris la plej grandan parton de sia laboro por nia movado.

Vana provo! IEL montris sin preta fari maksimuman cedon, restante sur la bazo de la realismo. La reprezentantoj de UEA rifuzis akcepti ion ajn, krom reiro al la *status quo*, el kiu fontis la tuta konflikto. Malantaŭen puŝi la montrilojn de la horloĝo estas nek eble, nek dezirinde. Kun klara konscienco IEL rezignas la provon, kontentigi la svisajn protestintojn.

Sendante al ni resumon de la Varsoviaj diskutoj, kiun ni presigas en la nuna numero, la Ĝenerala Sekretario de IEL skribis: "Ni aldonu, ke ni ne plu intencas skribi ion pri la organiza problemo, kiu por ni estas jam solvita. IEL nun faras tute kontentigan progreson, kaj ni intencas trankvile labori por la progresigo de Esperanto." Tiel estu.

* * *

En nia kolono *Persona* ni anoncas, ke la 10an de la pasinta monato nia simpatia kasisto kaj eks-prezidanto, s-ro Robert Robertson, kaj lia edzino, festis la Oran Jubileon de sia edziĝo, kiu okazis en la sama jaro, en kiu naskiĝis Esperanto.

**R.R.**

Multaj ĵurnaloj de Norda Londono aperigis tiuokaze biografiojn de gesinjoroj Robertson, kiuj estas inter la plej malnovaj loĝantoj de la antaŭurbo Wood Green. Plezure ni legis, ke ne nur de nia movado, sed de multaj aliaj klerigaj aferoj, interalie publika biblioteko, nia R. R. estis pioniro en sia loko.

Tiuj el niaj legantoj, kiuj memoras, ke s-ro Robertson antaŭ ne multaj jaroj akceptis la prezidantecon de nia Asocio en tempo maltrankvila, kaj gvidis ĝin tra unu el ĝiaj plej malfacilaj periodoj, volonte aliĝos al nia deziresprimo, ke li kaj lia fidele subtenanta edzino ĝuos ankoraŭ multajn jarojn de feliĉa kunvivado, kaj povos en bona sano festi sian Diamantan Jubileon, kiam ni Esperantistoj festos nian.

* * *

**Antaŭ 30 jaroj**

Antaŭ precize tridek jaroj okazis la plej granda krizo en la historio de nia lingvo, kiam la fama "Delegacio" naskis reformitan Esperanton sub la nomo Ido. Tiutempe la mondo akceptis la aserton de Louis de Beaufront, ĝis tiam gvidanto de nia movado en Francujo, ke li estas la aŭtoro de tiu malbonsorta projekto.



**Louis Couturat**

Jam de longe ni suspektas, laŭ interna atesto de la tiutempaj dokumentoj, ke la vera aŭtoro de Ido Ido estis, ne de Beaufront, sed Louis Couturat, sekretario de la Delegacio. Post tridek jaroj nun aperas pruvo, ke nia suspekto pravas. La aŭgusta numero de *Cosmoglotta*, organo de la Occidental-Union, prezentas longan artikolon pri la historio de lingvo internacia, verkitan de Profesoro Ric. Berger, eks-Idisto. Li sukcesis akiri la arkivojn de la Delegacio, en kiuj li trovis konvinkan ateston pri la vera aŭtoreco de Ido.

La artikolo estas verkita en la lingvo Occidental, kiu tamen estas sufiĉe legebla por Esperantistoj sciantaj almenaŭ unu alian lingvon el latina deveno. Kiu deziras ricevi ekzempleron de la koncerna gazeto, tiu sendu unu respondkuponon, antaŭ la 31a de decembro, al Institute Occidental, Chapelle (Vaud), Svislando, menciante THE BRITISH ESPERANTIST.

# LA JUBILEA KONGRESO

## XXIXa Universala Kongreso en Varsovio

De HENRY W. HOLMES

LA VETERO estis bela, hele sunbrila. Tiu sola fakto pli ol duone certigas sukceson al kongreso. Survoje al Varsovio mi ĉeestis internacian geedziĝon de Dolfa Bartoŝik, ĉeha samideano, kaj Ine Woudstra, nederlanda Esperantistino. Oni uzis Esperanton por la oficiala ceremonio en la urbdomo. Poste mi pasigis kelkajn tagojn apud Kolonjo kaj kelkajn en Berlino kun germanaj geesperantistoj.



Saksa Ĝardeno

La vojo de Berlino al Varsovio estas sur sabla ebenaĵo plejparte el kampoj kaj kun nemultaj arboj. Oni rekonstruas la ĉefstacidomon en Varsovio kaj la konfuzo sur la malluma perono estis nepriskribebla. Oni multe rekonstruas en Varsovio. La moderna parto de la urbo estas pura kaj havas la bone konatan cementaspekton, kiu kune kun la normigo de vestmodoj rabas de vojaĝantoj multon el la plezuro de antaŭaj tagoj.

Mi preskaŭ ne povis rimarki la ornamaĵojn honore al la Kongreso ekster la stacidomo, pro la ŝajna minaco de amaso da sovaĝaspektaj portistoj. En dumtempa akceptejo apud la stacidomo aŭdiĝis la bruego, kiu ĉiam akompanas Esperantistajn renkontiĝojn kaj deĵorantaj tie estis konatuloj certe nepolaj. Oni flustris pri lastmomentaj aranĝoj kaj tranokta laboro, sed pro bonvola helpo la situacio estis savita.

Por veturi al mia hotelo, polo metis min en fiakron nomitan *droŝko* dirante, ke mi nepre ne pagu pli ol unu zloto. Kvazaŭ pendole la veturigisto vipis la kompatindan ĉevalon, kies ripoj preskaŭ penetris ĝian haŭton. Per *droŝko* estas tre oportuna maniero vidi la urbon, sed mi neniam povis kvitigi min per unu zloto, kvankam tio estas la laŭleĝa pago. De la akceptejo mi tiktakis laŭ la larĝa Jerusalemo-strato timante, ke iumomente mi troviĝos sub tramo, ĉar nura tuŝo detruus tian malpezan kaj ofte malnovan veturilon. Tra pli mallarĝaj stratoj, kie oni povis vidi interespromesajn butikfenestrojn. Ni preterpasis la grandan rondforman Luteran preĝejon, de kies "lanterno" oni povas havi tre belan elrigardon super la urbo, kaj baldaŭ estis en la granda Placo de Marŝalo Pilsudski, kie antaŭe staris rusa preĝejo nun malkonstruita. Maldekstre sub kolonaro kuŝas la nekonata soldato, kaj tra la kolonoj oni havas videton de la bela Saksa ĝardeno.

Kia estas la hotelo? Kiajn rakontojn ni aŭdis en Anglujo! Gloro haleluja, ĝi estas pura kaj moderna. La pola agento en Londono rifuzis mendi por mi ion pli malkaran ol po 9 zl. nokte, pro . . . ! Tamen tre belaj estas la novaj studentejoj (3 zl.) kaj sufiĉe bone estas en la malkaraj hoteloj po 5 zl. Varsovio certe en tiu rilato purigis sin.

Feliĉe la sorto decidis, ke la lastmomente elektita Kongresejo estu apud ni en *Resursa Obywatelska*, domego, kiu iam estis hejmo de nobelo. Sabatvespere mia edzino, s-ro Wilkinson kaj mi estis preskaŭ la unuaj alvenintoj ĉe la plenaera restoracio por la interkonatiĝa kunveno. Ni ankoraŭ ne alkutimiĝis al pola "akurateco."

Frue dimanĉon oni iris al Diservoj kaj poste por meti florkronon en la Palacon Belweder memore al Marŝalo Pilsudski.

La meztagmanĝoj horoj en Polujo estas de la 13a ĝis la 17a, do je la 12a en la Filharmonia Halo okazis la malferma kunsido. La Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato atentigis, de la devizo de la Kongreso estas "Esperanto en la lernejoj." Post la elekto de Profesoro Bujwid kiel Prezidanto de la Kongreso, Julio Baghy deklamis. Sekvis la paroladoj de la oficialaj ŝtataj representantoj. Ni lernis kun plezuro, kiom oni jam sukcesis enkonduki Esperanton en la lernejojn de diversaj landoj. Mi esperas, ke la faktoj aperos en la IEL—Jarlibro, ĉar ili estas tre kuraĝigaj kaj la ciferoj multe pli grandaj eĉ ol oni diras en propagandkunveno. Eble la plej kortuŝa momento estis, kiam oni laŭtlegis telegramon: "La hispana popolo batalante por sia libereco kaj sendependeco ne forgesis pri la Jubilea en Varsovio." Ankaŭ salutis nin samideano en la nomo de tiuj kompatinduloj senŝtataj. Li raportis, ke Norvegujo prenis sur sin la taskon daŭrigi la sistemon de "Nansen" -pasportoj.



Palaco en Parko Lazienki

Mi iris posttagmeze trame al la fama Kastelo Wilanow. Neniam mi vidis en Varsovio tramon, kiu ne estis plenplena de homoj, kaj posttagmeze je varme belvetera dimanĉo—imagu! Ni iris tra malriĉa kvartalo kaj la malkaŝiga sunbrilo vidigis al ni la ŝajnan mizeron de la popolo. Post la germanaj kasteloj Wilanow aspektis ne sufiĉe zorgata.

Vespere ni klopodis partopreni la feston de veteranoj, sed povis aŭdi nenion post la malfermo, kiu estis tre impresa. Orkestro ludis la funebromarŝon de Chopin, dum Baghy deklamis la nomojn de mortintaj pioniroj. Poste oni disdonis diplomojn kaj orajn stelojn al tiuj, kiuj Esperantiĝis antaŭ la Bulonja Kongreso kaj arĝentajn stelojn al tiuj, kiuj Esperantiĝis antaŭ la Krakova Kongreso en 1912. Se vi rajtas stelon, anoncu vin ĉe la LKK.

Frue lundon oni metis florkronojn sur la tombon de la nekonata soldato. Poste ĉiuj prenis sian vojon al la hebrea tombejo. Ĉe la tombo de la majstro parolis Prof. Bujwid, Generalo Bastien, s-ino Thilander nome de la blinduloj kaj du reprezentantoj de la Varsoviaj hebreoj. Poste en naciaj grupoj oni preterpasis la tombon; la plejmulto metis florojn sur ĝin. Oni tiam iris al la tombo de d-roj Leono kaj Felikso Zamenhof, liaj fratoj, ambaŭ lojalaj subtenantoj de Esperanto kaj lertaj verkistoj.

Multaj poste iris al la Katolika tombejo por honori la memoron de Antoni Grabowski. Estis terura malklimakso, ke posttagmeze okazis apartaj laborkunsidoj de du organizaĵoj, IEL kaj UEA. Tamen en tiu de IEL s-ro Malmgren malfermis diskuton pri propagandaj metodoj. Tiom valoraj estis liaj sugestoj, ke oni petis, ke la tuta parolado aperu en *Heroldo*, kaj tio estos aranĝita. Unu el la oferoj, kiujn IEL proponis por helpi al la paco estis, ke oni forprenu de s-ro Malmgren la gvidadon de nia propagando. Kvankam mi multe deziras pacon, mi nur povas danki, ke ankoraŭ s-ro Malmgren tenas tiun laboron. Li lerte organizas kaj ĉiam pretas helpi iun ajn. Se vi havas ideojn, speciale sukcese provitajn ideojn, nepre sendu al li raporton. Mi iris al la kunveno



**Krolewska 41, Varsovio, loĝejo de d-ro L. L. Zamenhof. En lia ĉambraro, nun okupata de lia filo, d-ro Adam Zamenhof, okazis, sub ties prezidado, la porpacaj diskutoj inter IEL kaj UEA dum la XXIX Kongreso (raporto en paĝoj 165–6).**

de UEA sed pro la interkonsento ne polemiki mi ne komentarios.

Vespere en la Granda Teatro oni ludis komedion, kies titolo, kiel mi poste eltrovis, estas *Consilium Facultatis* de Fredry. Laŭ mi, la parolmaniero estis tro teatra kaj la ĉiama flustrado de la sufloro estis embarasa. Tamen mi trovis amuzon kaj dankas al Baghy pro reĝisora laborego en malfacilaj cirkonstancoj. Aperis el la opera trupo ĉefa soldancistino, kiu belege prezentis la dancon de Anitra (Muziko de Grieg); tre kompetenta soprano kaj bona tenoro. Ĉi tiu faris sian eblon kanti Esperantan tradukon, kiu ŝajnis tute ne akordi kun la muziko. Post tiaj artistoj aperis modernstila virina kvarteto. Ili ricevis tondran aplaŭdon—de la poloj, mi suspektas—ĉar ili plejparte kantis pole. Nur unu Esperantan kanton ili prezentis tradukitan de Baghy—kiel glate ĝi iris! Sed la plej ĝuinda ero estis la popoldanca trupo, kies danco estis nomita *Edziĝa Festo en Olkusz.* La helaj kostumoj, la mirinde viglaj rapidmovaj dancantoj estas tre trezorata memoraĵo. Mi tre sentis la mankon de presita programo.

Marde la programo estis dediĉita al fakkunvenoj kaj laborkunsido de IEL. Iu brita kongresano multe deziris viziti la *Citadelon,* kiu enhavas restaĵojn de antaŭaj sangaj okazaĵoj. La deĵoranta oficiro postulis dokumentojn, kaj pro manko de io alia la sinjoro proponis sian pasporton. Solene la oficiro kopiis el la unua paĝo de ĝi kaj fine permesis al *William Antony Eden* viziti la fortikaĵojn. Vespere *Literatura Mondo* aranĝis programon, kiu, priskribita mallonge, estis Baghy kaj Kalocsay en ilia plej brila humoro.

Merkrede al Bialystok, al la domo, kie naskiĝis d-ro Zamenhof. Kiel malriĉaspekta la domo nun estas, sed kredeble antaŭ preskaŭ okdek jaroj ĝi estis kutima loĝejo por instruisto, kia lia patro. La poloj volas aĉeti la domon, sed oni diris, ke la posedanto kvar- aŭ kvinobligis la prezon sciante, ke ĝi havas historian valoron. Iuokaze mi esperas, ke la movado povos provizi la necesan sumon.

Por ĵaŭdo la kongresa programo enhavis dek-kvar prelegojn kaj fakkunvenojn. Mi havis la plezuron esti kun kelkaj blindaj samideanoj kaj lernis pri iliaj deziroj ĉe Kongreso. La ĉefa deziro sendube estas kontakti kun la vidantoj en la ĝenerala kongreso. Ĉu mi eĉ tiel frue povas peti vin ekzercadi viajn kapablojn klarigi tion, kion vi vidas. Ĉu tiam en Londono vi bonvolos dediĉi almenaŭ kelkajn horojn gvidi blindajn samideanojn kaj permesi, ke per viaj okuloj ili vidu la urbon?

Kun ili mi vizitis monumenton memore al Chopin en la bela parko Lazienki. Ĝi havas la formon de granda arbo, kies supraj branĉoj estas blovataj horizontale de forta vento tiel ke ĝi aspektas harpforma. Chopin sidas sur la trunko, kun la vizaĝo turnata al la vento, kaj per la dekstra mano kvazaŭ pianludas sur la vento. Estas tre eksterordinara koncepto, kiun mi ŝatis, sed kiu ne plaĉas al multaj Varsovianoj. Kun blinduloj mi ankaŭ vizitis la malnovan urbon. Kiel detale oni vidas ĉion pro la neceso klarigi! Enirinte la grizbrikan katedralon iu blindulino sentis, kiel lume estas. Ili povis palpi la lignajn gravuraĵojn en la ĥorejo kaj la delikatan ornamaĵon sur la predikejo. En la malnova Vendejo-Placo starante antaŭ la pentritaj domoj ni imagis la pasintajn tagojn, kiam gravaj familioj kaj eĉ princino okupis tiujn domojn, kiuj nun ŝajne estas loĝataj de neriĉuloj.

Por la ĵaŭda vespero laŭ la programo oni aranĝis "Gajan Vesperon," kiu konsistis el koncerto de pli intima tipo prezentita de la Esperantistoj mem. La eroj estis interesaj, sed la granda salono en la kongresejo ne estis konvena loko, en kiu veki gajecon.

Vendredon okazis pluaj interesaj prelegoj kaj fakkunvenoj, kaj posttagmeze la laborkunsido de IEL ree diskutis la propagandajn proponojn de s-ro Malmgren. Vespere kompreneble okazis la Internacia Balo. La bela rokoko-stila ĉefsalono de la urbdomo estis ornamita per la flagoj de multaj nacioj kaj en la lumo de elektraj lustroj la diversaj naciaj kostumoj faris neforgeseblan bildon. Kongresbalo ja estas unike internacia.

La ombro de la diskuto inter IEL kaj UEA rabis de la kongreson ĝian jubilecon. Jam en la malferma kunsido kaj daŭre en ĉiu kunveno, ĉu de UEA ĉu de IEL, la Esperantista popolo petegis por konkordo, paco kaj unueco. Rifuzi akordiĝi post tiu klare montrita unuanima deziro estus neeble al viroj, kiuj ne estus blindigitaj de la propraj antaŭjuĝoj. Mi konkludis, ke interkonsento ne estas atingebla. La okazaĵoj ĉe la Kongreso abunde pruvis, ke IEL bonege plenumas sian devon al la movado. Ni fortigu ĝin per konstanta laboro utiligi kaj disvastigi Esperanton kaj ĝi nepre sukcesos. Mi menciu kun danko la laboron, kiun faris d-ro Adam Zamenhof kiel neŭtrala prezidanto de la speciale starigita komisiono por esplori la eblecon de de interkonsento. Mi ja deziras scii, kial

UEA rifuzis daŭrigi la klopodojn sub lia klera senpartia protekto.

El la raportoj ĉe la ferma kunsido mi konsilas al vi almenaŭ legi tiujn de la Lingva Komitato kaj la pedagogia kunveno.

Mi timas, ke niaj polaj amikoj tro ŝarĝis sin finance pro la eldono de la *Ora Libro*, kiun ĉiu kongresano senpage ricevis. Ĝi estas tre valora kolekto de artikoloj, kiuj rigardas malantaŭen en la Esperantan historion kaj profetas pri la estonteco. Nova kanto, baldaŭ eldonota, bone esprimis la sentojn de la Kongreso :—

*Al la kara majstro estu ĉiam la honor'.*
*Al la pioniroj estu danko pro labor'*
*Ni, la nuntempuloj, nin dediĉu kun fervor'*
*Al paco per Esperanto.*

# La Blindula Kongreso

LA BLINDULOJ, kiuj kun gvidantoj nombris 106 el 14 landoj, kun ĝojo en la koroj kaj senĉesa bonhumoro sur la lipoj, festis sian XIVan Kongreson kaj la IIIan Ĝeneralkunvenon de UNIVERSALA ASOCIO DE BLINDUL-ORGANIZAĴOJ sub protekto de eminenta militviktimo, Majoro Edvard Wagner, pola Parlamentano, kaj bonege prizorgataj de alia militviktimo, Kapitano Jan Silhan kaj lia sindonema edzino. La taŭgaj aranĝoj por nia komforto kaj la gravaj favoroj, kiujn ili akiris por ni de la Registaro kaj blindulaj estraroj, atestis la sinceran varmecon de pola gastamo. Tiuj, kiuj volis, loĝis senpage en ŝtata instituto apud la Parlamenta Domo, kie estis taŭga halo, kaj en kies bela ĝardeno ni laŭvole babilis kaj la tutan semajnon manĝis ĝis pli ol sato polajn frandaĵojn—kiujn neniu fremdulo kuraĝus mendi en kafejo—prezentitajn de afablega dommastrino. Vigla areto da skoltoj, el kiuj kelkaj bone parolis Esperanton, tre efike helpis pri gvidado.

Blinda Pastro, Patro Agnello el Belgujo, kondukis meson kaj elokvente predikis dimanĉmatene en plena halo. Nian malferman kunvenon ĉeestis multaj eminentuloj, d-ro Bujwid, la kara familio Zamenhof, altrangaj gvidantoj de blindula movado, kaj blindulamikoj. Mardon vespere internacia aro da blindaj muzikistoj donis belegan koncerton, el kiu la duono estis disaŭdigata de la polaj radiostacioj. Amase ni ĉeestis la Feston de Veteranoj, kie kelkaj ricevis la oran insignon, kiun oni ankaŭ aljuĝis interalie al du anglaj societoj, la *Nacia Instituto* kaj la *Nacia Biblioteko por Blinduloj* en Londono. Sed ĉefe ni ĝojis pri grava ordeno, *Polonia Restituta*, donita de la Pola Registaro, pro vivservado al la homaro, al nia amata Harald Thilander, kiu je ĉies bedaŭro ne povis ĉeesti la Kongreson. Tamen, dank' al speciala aparato li hejme aŭdis la radian anoncon, kaj tuj li skribis al sia edzino : "Ĉu mi aŭ anoncisto freneziĝas ?" Florojn ni metis sur la tombojn, kaj antaŭ tiu de la Majstro s-ino Varma Thilander bele deklamis poemon de ŝi mem verkitan.

Plurajn fojojn ni kunsidis por trakti gravajn blindulaferojn. S-ro Charles Hedkvist disaŭdigis la diskon de "Parolanta Libro," surhavantan la tutan unuan rakonton de *La Karavano*, bele kaj ofereme legitan en Londono de s-ro Wadham, kaj skizis la evoluadon de tiu nova ilo, kiu post nelonge fariĝos mirinda distraĵo por la tutmonda blindularo. D-rino Grzegorzewska priskribis la polan ŝtatlernejon por instruistoj de "specialaj" lernejoj ; aliaj pritraktis gvidhundojn, notadon de matematiko, masaĝon, skoltadon por blinduloj, blindulkompencon en Finlando, k.a. La interesa raporto de U.A.B.O. kaj la komentoj de la ĉeestantoj pri la referatoj plene konstatis la progreson de internacia kunago, laŭ kio oni evitas pluropan esploradon kaj pli frue atingas benplenajn rezultojn por ĉiuj, kaj kian gravan rolon Esperanto jam ludas en tiu kunlaborado.

Disiĝinte, ni portas en la 13 landojn memoron pri bela kunesto kaj mirinda gastamo. Ho, ke la venonta Londona Kongreso estu por blinduloj taŭga sekvonto de tiuj de Stokholmo kaj Varsovio !

W. P. MERRICK.

# Unueco de la Esperanto-Movado

## DISKUTOJ EN VARSOVIO

EVIDENTIĜIS eĉ en la komenco de la Jubilea Kongreso, ke la Esperantistoj tre deziras vidi unuecon en la movado, kaj la forigon de la UEA–IEL disputo. La Komitato de IEL kontaktis kun la reprezentantoj de UEA por eltrovi, se eble, ian solvon de la problemo. Estas aranĝite, ke tri membroj de IEL kunsidu kun tri membroj de UEA sub la prezido de D-ro Adam Zamenhof.

Tiel okazis. Post iom da diskuto IEL faris la jenan tre favoran proponon al UEA :

1. Estu nur unu internacia organizaĵo kun nomo UEA aŭ IEL.
2. La Centra Oficejo estu en Londono, kun filia oficejo en Ĝenevo, kiun estros s-ro Jakob. Tiu ĉi zorgos ekzemple pri propagando, ŝlosiloj, la biblioteko, kaj aliaj taskoj. S-ro Malmgren estas preta, por helpi al paciĝo, rezigni la rolon, kiun li jam komencis, zorgante pri la propagandaj aferoj.
3. La nuna Provizora Komitato de UEA estu reprezentata en la Komitato de la nova organizaĵo, por montri, ke estas kunfandiĝo kaj ne ensorbo.

Tiun proponon la reprezentantoj de UEA ne akceptis, sed faris alian proponon* ne akcepteblan de IEL. Dum la diskutado evidentiĝis, ke IEL trovis akcepton ĉe la Esperantistaro, ĉar ĝi jam havas pli ol 10.000 membrojn kontraŭ 1.200 flanke de UEA. Kvankam la reprezentantoj de IEL atendis ilin, la reprezentantoj de UEA eĉ ne ĉeestis la duan kunsidon.

D-ro Zamenhof, kvankam li bedaŭris la malsukceson de la klopodoj pri unuecigo, tiam aranĝis alian kunvenon de la reprezentantoj de la du partioj por vidi, ĉu estas ebleco pri interkonsento pri :

1. Ĉesigo de atakoj unu kontraŭ la alia.
2. Iom da kunlaborado inter la du asocioj.

Ambaŭ partioj konsentis pri la unua punkto, kvankam la reprezentantoj de UEA rifuzis subskribi ian dokumenton. Ili eĉ rifuzis subskribi la protokolon de la unua kunsido, kvankam ili konsentis pri ĝis ĝusteco.

Pri la dua punkto nenia interkonsento estis ebla, ĉar la Komitato de IEL estis akceptinta le jenan rezolucion : "La Komitato de IEL kun bedaŭro konstatas, ke ĝi ne povas fari aranĝojn pri kunlaborado kun Asocio, kiu samtempe minacas ĝian prezidanton pri leĝa proceso." Post tiu decido, la reprezentantoj de UEA rifuzis daŭrigi la diskutadon kaj forlasis la ĉambron.

Kvankam estis decidite dum tiuj kunsidoj, kiel ankaŭ dum la kunsido de la Internacia Porkongresa Komitato la antaŭan sabaton, ke neniu parolu pri la organiza demando dum la Ferma Kunsido de la Kongreso, la reprezentanto de UEA tion faris, kaj la Kongresa Prezidanto devis atentigi la ĉeestantaron pri tiu maldeca agado.

* Esenco de la propono de UEA estis : Reiro al la jura bazo de la Interkonsento de Kolonjo, kun kelkaj ŝanĝoj ; centro en Ĝenevo, propaganda filio en Londono.—Red.



# Ferio en Svedujo

Malgraŭ ke plendoj estas ofte aŭdataj pri la manko de malkaraj ferioj eksterlande por Esperantistoj, mi estis la sola Esperantisto, kiu partoprenis en la ferio en Svedujo, aranĝita de la "International Friendship League," kaj anoncita en junia numero de The B.E.

Estante la sola, mi mem devis antaŭe aranĝi miajn Esperantajn kontaktojn, kaj mi tion faris per renkontiĝoj en Svedujo kun mia leteramiko, kaj kun konatoj tie de miaj anglaj amikoj. En la karavano troviĝis nederlandanoj, germano, norvego kaj ĉeĥo, krom la svedoj kaj angloj, kaj ni uzis kelkajn lingvojn kiel komprenilojn, sed ĉiuj miris pri la senpeneco, kiam mi interparolis kun miaj svedaj samideanoj. Ili ankaŭ vidis la amikecon en nia movado. Ĉarma svedino donacis bukedon al mi, kiam ni alvenis ĉe la Stokholma stacidomo, kaj mia leteramiko vojaĝis de la sudo ĝis Vermland por renkontiĝi kun mi.

Sen iaj propagandaj vortoj, mi sukcesis veki intereson, do kiam vi denove vidos similan anoncon, partoprenu ! Mi konstatas, ke vi ne nur spertos tre ĝuplenan ferion, ne nur ĉar la I.F.L.-anoj (kaj kompreneble la Esperantistoj) en la elektita lando faros sian eblan por bonvenigi vin kaj deziros montri ĉion vidindan, sed ankaŭ ĉar vi povos profiti okazon por disvastigi Esperanton.

Dorothy Perry.

# LA LABORISTAJ KONGRESOJ

## IIIa Kongreso de I.P.E.

**Parizo, 7–12 Aŭg., 1937**

EMOCIA sceno okazis en la Tria Kongreso de la Internacio de Proleta Esperantistaro, kiam alvenis Kamaradoj Hernández kaj Bosch, kunredaktoroj de la ŝatata hispana gazeto *Popola Fronto*. La du redaktoroj ricevis aplaŭdan akcepton kaj oni invitis ilin al honoraj lokoj inter la Prezidantaro, kiujn ili okupis dum la daŭro de la Kongreso.

La Kongreso disponigis al la hispanaj vizitantoj plenan laborkunsidon, kiam ili parolis pri la nuna situacio en Hispanujo kaj respondis al multaj demandoj. Je la fino de la kunsido la Kongresanoj kolektis sumon de pli ol 200 fr. fr., kiun la du redaktoroj forportis al Hispanujo.

Alia elstara punkto de la Kongreso estis la ĉeesto el la Hispana Fronto de rumana soldato el la Internacia Brigado. Li ricevis specialan forpermeson el la Fronto, por ke li ĉeestu la Kongreson. Li kunportis salutleterojn al la Kongreso de sia propra Brigad-bataliono kaj de Generalo Mangada kaj Ludwig Renn, bone konataj Esperantistoj. Li reportis al siaj Brigadanoj kvanton da sapo kaj cigaredoj, kiujn donacis la Kongresanoj.

Multaj sindikat-filioj kaj ne-Esperantistaj laboristaj organizoj sendis salut-leterojn al la Kongreso, en kiuj ili esprimis sian ŝaton al la praktika kunliga laboro inter ne-Esperantistaj laboristoj, kiun plenumas la sekcioj de IPE.

La tono de la tuta Kongreso estis por unuecigo de ĉiuj laboristaj Esperantistoj por pli bone utiligi Esperanton serve al unueco inter la laboristaro de ĉiuj landoj.

Inter la plej gravaj decidoj de la Kongreso estis la translokigo de la IPE-Centro al Londono kaj de la redakcio de la IPE-gazeto *Sur Posteno* al Belgujo. La adreso de la nova IPE-Centra Oficejo estas: Organiza Sekretario, s-ino G. M. Keable, 35 Lidfield Road, London, N.16.

La Kongreso sendis specialan rezolucion al la Hispana Ambasadoro en Francujo, en kiu ĝi esprimis plej fortan subtenon al la Hispana Registaro.

Kun granda entuziasmo la Kongreso decidis okazigi sian venontan Kongreson en Barcelona, Hispanujo.

GLADYS KEABLE.

## XVIIa Kongreso de S.A.T.

**Rotterdam, 31 Jul.–6 Aŭg., 1937**

LA XVIIa Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda fariĝis granda sukceso por la Asocio kaj por la laborista Esperantismo.

Partoprenis tiun Kongreson 806 gekamaradoj el 16 landoj, kiuj kun nova entuziasmo konfirmis la ĝustecon de la principoj, sur kiuj estas bazita SAT, nome: individua membreco, superpartieca karaktero, sennacieca strukturo. La raportoj de la Plenum-Komitato trovis unuaniman aprobon. La debatoj pri ili, same pri la organizaj problemoj, okazis en plena harmonio kaj frateca atmosfero. Tiuj debatoj plenigis kvar laborkunsidojn, kaj paroladis membroj el tre multaj regionoj, eĉ el landoj, el kiuj vizito apenaŭ estis atendebla.

Brilan interfratiĝ-vesperon ĉeestis pli ol 1,300 personoj; same la Solena Malfermo unuiĝis preskaŭ la saman nombron. La urbestro akceptis la kongresanojn ĉe la urba domo, kie okazis parol-interŝanĝoj kaj regalo. Malofta plezuro estis la vizito al la ŝip-giganto *Statendam*. Oni ne forgesis la hispanajn kamaradojn, por kiuj estis kolektitaj proks. 100 guldenoj. La landa gazetaro multe raportis pri ĉi tiu Kongreso, kiu havos ankoraŭ longan eĥon en nia movado, tiel rilate la propagandon, kiel la organizan flankon.

## John T. Holmes

**Kun profunda malĝojo ni anoncas, ke la 20an de septembro, 1937, ĉe sia hejmo en Torquay, mortis nia pioniro**

**JOHN THOMAS HOLMES, F.B.E.A.**

**en sia 69a jaro, post longa suferado.**

**"J. T. H." estas inter la fondintoj de la Federacio Esperantista de Yorkshire, kiun li dum multaj jaroj prezidis, kaj estis dum longa tempo Vic-Prezidanto de B.E.A.**

**En la nomo de ĉiu Brita Esperantisto ni prezentas sinceran kondolencon al lia vidvino, la bone konata partopreninto de lia tuta Esperantista agado.**

**Plena nekrologo aperos en novembro.**

# ESPERANTO EN LA BRITA LERNEJO

Sube ni prezentas statistikon pri la instruo de Esperanto en Britaj Lernejoj en majo 1937, laŭ la informoj donitaj al ni de la lernejoj mem. Por celo de komparo ni donas interkrampe la respondan ciferon por majo 1935.

En majo 1937 oni instruis Esperanton en 29 lernejoj en Britujo: 28 en Anglujo, 1 en Skotlando. Pri Kimrujo kaj Irlando ni havas nenian informon.

El la 29 (27) lernejoj, 21 (20) estas popollernejoj (*Elementary, Senior, Central, Preparatory*). En ili oni instruas Esperanton oficiale en 13 (8) lernejoj al 1,061 (466) infanoj; kaj neoficiale en 8 (12) lernejoj, al 132 (221) infanoj. Sume, al 1,193 (687) infanoj: 563 (339) knaboj, 630 (348) knabinoj.

En la ceteraj 8 (7) gimnazioj aŭ alispecaj duagradaj aŭ altgradaj lernejoj, oni instruas Esperanton oficiale en 4 (4) lernejoj al 197 (166) infanoj, kaj neoficiale en 4 (3) lernejoj, al 88 (51) infanoj. Sume, al 285 (217) infanoj: 158 (118) knaboj, 127 (99) knabinoj.

La sumo da gelernantoj estas do 1478 (904): 721 (457) knaboj, 757 (447) knabinoj. El ili 1,258 (632) estas instruataj oficiale, 220 (272) neoficiale.

La ciferoj estas fidindaj, kaj montras progreson solidan, kvankam ne sensacian. La nombro da infanoj kreskis de 904 ĝis 1,478 (plialtiĝo 63%), kaj, pli grave, la nombro oficiale instruataj kreskis de 632 ĝis 1,258 (plialtiĝo 99%). La kresko estis 73% en la elementa lernejo; 30% en la duagrada. Verŝajne la plej bona ŝanco enkonduki Esperanton serioze kuŝas nuntempe ĉe la *Central School* aŭ la *Senior* (daŭrigaj Elementaj Lernejoj).

Pro tio, ke kelkaj lernejoj ne instruas Esperanton en la somera trimestro, la cifero estus iom pli alta en alia sezono de la jaro. Ni kompreneble ne enkalkulis du-tri gravajn lernejojn, kiujn pro transloĝiĝo de la instruisto aŭ alikaŭze ni (espereble nur dum kelka tempo) perdis; nek aliajn lernejojn, kiuj certe komencos en la venonta trimestro.

**Lernolibroj kaj Legolibroj uzataj.**—La informoj donitaj ne ebligas precizan statistikon. Kelkaj lernejoj (pro metodo uzata aŭ pro manko de mono) ne uzas librojn. Aliaj ne respondis. En la elementaj lernejoj la plimulto uzas *Esperanto for Beginners* komence, poste *Esperanto por Infanoj* aŭ *Step by Step*. En la duagradaj lernejoj la plimulto uzas *Esperanto por Infanoj* aŭ *Step by Step* kiel lernolibroj, kaj *Juna Vivo* kiel legolibron. Du lernejoj uzas *Gaja Vivo*. Unu (pli aĝaj knabinoj) *Roston's Rapid Course*.

La plimulto el la kursoj rezultas rekte el vizitoj faritaj pere de la B.E.A. aŭtomobilo: kun du esceptoj ĉiuj lernejoj ricevis unu aŭ plurajn vizitojn.

M. C. Butler.

# Our Bookshelf

Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A. but from the address given. Postage extra.

***Arĝenta Duopo.**—*Jubilea libro pri Baghy kaj Kalocsay. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Vol. I., 208 pp. Broŝ. 4ŝ. Vol. II. sekvos. (Aĉetanto de ambaŭ volumoj ricevas bindilon senpage).*

Kiom oni rajtas jam nun profeti pri la estonteco de la lingvo Esperanto, tiom oni pravas aserti, ke la postmilita laboro de Baghy kaj Kalocsay restos ĉiama mejloŝtono en nia literaturo. Tial la apero de ilia jubilea libro interesos ĉiun, kiu laŭvalore taksas la kontribuojn de ĉi tiuj hungaroj, al nia kulturo kaj kiu kredas gravaj ties disflorigon kaj popularigon.

La unua volumo de *Arĝenta Duopo* (presita sur paĝoj ornamitaj per verda bordero) konsistas el mallonga enkonduko *La jubileantoj parolas pri si mem,* kaj kolekto da verketoj prozaj kaj versaj pri la jubileantoj el la plumoj de aliaj verkistoj diverslandaj. Troviĝas en ĉi tiu volumo ankaŭ multaj fotografaĵoj de Baghy kaj Kalocsay je diversaj aĝoj kaj cirkonstancoj.

En la unua parto la intervjuoj raportitaj de Halka ĵetas interesan lumon sur la personecojn, la aspirojn, kaj la reciprokan sintenadon de niaj du plej eminentaj vivantaj poetoj; dum al tiu, kiu trovas pli studinda ol la personaĵoj la strukturon de la lingvo, oni povas rekomendi la 12-paĝan resumon de la klera vortkunmeta sistemo ellaborita de Kalocsay.

La enaj diferencoj inter Baghy kaj Kalocsay respeguliĝas en la malsamaj kriterioj, kiujn oni devas uzi, prijuĝante iliajn verkojn. Migliorini (*Dante—Inferno*), Lappi (*Kalocsay kaj Kalevala*) kaj Leo Belmont (*Strangaj animoj*) ĉiuj emfazas la vaste kulturitan esteton, la preskaŭ pedante sinperfektigeman poeton, kiu estas Kalocsay, kaj kies verkojn oni povas kritike taksi el pure artisma vidpunkto, sen atento al la homo ilin kreinta. Sed ĉe Baghy estas tute malsame; neniel eblas apartigi de li liajn poemojn, romanojn, novelojn, ĉar lia spirito, liaj idealoj ĉion enestas kaj ĉion vibrigas, tiel ke jam post legado de du-tri verkoj oni sentas, ke oni bone konas la homon mem.

Ne la malplej granda merito de Baghy kaj Kalocsay sin montris en ilia ĉiama preteco kuraĝigi kaj helpi novajn talentulojn sur la literatura kampo; ili sukcesis arigi ĉirkaŭ si en Budapest kaj en la paĝoj de *Literatura Mondo* kreskantan nombron da novaj verkistoj, kiuj sen tio eble ne povus elveni antaŭ la publikon. Pri tiu faceto de ilia multflanka laboro, por kiu la amantoj de la literaturo ŝuldas al ili eternan dankon, ne mankas atestoj sur la paĝoj de *Arĝenta Duopo*.

ALEC VENTURE.



# BUILDERS

WE would like to remind readers of the Builders' Card System whereby they can save up for their annual subscription to the Association and help in raising the total of the Jubilee Fund for the purchase of an Esperanto-Domo in London. Cards are provided on which 6d. postage stamps can be affixed until a total of 40 stamps fill the card. The card is then sent in to our office and is cashed at the Post Office for 19/–; 9/– pays the member's yearly subscription with Yearbook and 10/– helps the Jubilee Fund. If you have not enrolled—BE A BUILDER and send for the card without delay!

# From Near and Far

**Paris Exhibition.**—An attractive folder giving useful information, in Esperanto, about the International Exhibition, may be obtained for 1 reply coupon from S.F.P.E., 34 rue de Chabrol, Paris 10.

**North-London Exhibition.**—There will be an Esperanto stall again this year at the Exhibition, to be held at the Alexandra Palace from 13th to 30th October.

**Blackpool Musical Festival.**—The attractions of Blackpool were advertised this summer by means of posters in Esperanto, headed *Blackpool—Festo de Muziko—Vintraj Ĝardenoj.*

**Eastbourne Free Library.**—The librarian has kindly allowed space in the reference room for Esperanto books, so that readers can look them over before borrowing. An explanatory catalogue has been prepared and already there is a nucleus of some thirty books.

**Basque Refugees.**—The *Southern Daily Echo* reports that among the Basque refugees who came to Southampton this summer is Father Bilbao, a Catholic Priest, who is staying at Nazareth House, Hill Lane. Father Bilbao is an Esperantist, and a local *samideano* recently visited him and carried on a long and interesting conversation in Esperanto. Father Bilbao would no doubt be glad to hear from other local Esperantists.

# CORRESPONDENCE

## ESPERANTO IN GERMANY

I recently received a postcard from an Esperantist in Germany in which he said—"Esperanto ne mortis en Germanujo, sed nur dormetas," and I give below a quotation from a later letter of his which I think will be interesting to your readers. In fact, I hope that this quotation will be reprinted in other Esperanto Journals.

"Ankoraŭfoje mi certigas al vi, ke Esp. ĉe ni povas esti private ĉiurilate uzata, sed ne kontraŭstate. Tion eĉ multaj germanoj ne scias. Nur la organizoj kaj la *germana* E.-gazetaro estas malpermesitaj, pro tio s-ro Jung transloĝis al Nederlando. Per tio "Heroldo" fariĝis por ni "eksterlanda gazeto" kaj nun estas abonebla, sed pro la deviza lego nur mendebla kaj pagebla ĉe firmo Ernst Huttman, *Dresden—A.*, 1, Zwickauer Str. 24.* Se vi interrilatas kun aliaj germanoj, bonvolu informi ilin pri tio, ĉar *Heroldo* meritas plenan subtenadon ! . . . Skribante al germanoj prefere ne tuŝu politikon kaj parti-aferojn, precipe ne kontraŭajn, sed vortoj simpatiaj ĉiam estas bonvenaj."

EDWIN GARDINER.

*Rotherham.*

* *Tiu aranĝo provizore nuliĝis, laŭ lastatempa informo en* H. DE E.—RED.

# CLASSES IN ESPERANTO

WINTER SESSION—1937–38

*Supplementary List*

## LONDON POSTAL DISTRICT

**City Literary Institute** (held at Institute of Education, Southampton Row, W.C.1). *Elem.* Wed. 7.30–9.30, *Cont.* Tue. 7.30–9.30.

**Marylebone Commercial Institute,** Clipstone L.C.C. School, New Cavendish Street, W.1. *Elem.* Thu. 7.30–9.30.

**Walthamstow Educational Settlement,** Greenleaf Road, E.17. *Elem.* Wed. 8–10.

**West Ham Municipal College,** Romford Road, E. (Deanery School). *Elem.* Thu. 7.30–9.30, *Adv.* 7.30–9.30.

## PROVINCES

**Aberdeen.**—High School. Particulars from the Town Council Education Committee.

**Bradford.**—Labour College. Wed. Details from L. Korinna, 1 Camden Terrace, Belle View, Bradford, Yorks.

**Cheltenham.**—Technical College, St. Margaret's Road. *Elem.* Tue. 7.30. Esperanto Society, 37 Bath Road. *Adv.* Mon. 7.30.

**Dagenham.**—Literary and Commercial Institute, Rectory Road, Church Elm Lane. *All Stages* Fri. 7.30–9.30.

**Edinburgh.**—Esperanto Society, Room 29, Synod Hall, Castle Terrace. *Elem.* Mon. 8, *Adv.* Tue. 8, *Post-Diploma,* Thu. 8. Day classes if sufficient demand.

**Ilford.**—County School for Girls, Cranbrook Road. *Elem.* Wed. 7.30–9.30, *Inter.* Tue. 7.30–9.30, *Conversation* (all grades) Mon. 7.30–9.30.

**Rochdale.**—Central School, Fleece Street. *Elem.* and *Adv.* Thu. 7.30–9.30.

**Rotherham.**—South Grove Senior Commercial Institute. *Elem.* Tue., *Inter.* Thu., *Adv.* Mon.

**Sheffield.**—W.E.A. House, 278 Western Bank. *Elem.* Mon. 7.30, *Literature* Wed. 7.30.

**Southport.**—Technical College. *Elem.* Mon. 7.30–9.30, *Adv.* Wed. 7.30–9.30.

## GROUP LIST ERRATA

(*See September issue, page* 155)

**Birmingham.**—Meets 4th Fri.

**Leeds.**—Meets at Church Institute, Albion Place. Thu. 7.45.




# INTERNACIA RELAJSO POR LA VERDA STACIO

## Lyon PTT relajsos la Oktobran "Horeton"

UNUAFOJE Esperanta programo estos disaŭdigata samtempe el du landoj, kiam, la 7an de oktobro, 1937, la "Verda Stacio" en Brno, Ĉeĥoslovakio, dissendos la operon de Smetana, *La Kiso*. Relajsos ĝin ne sole Praha kaj la ceteraj ĉeĥoslovakaj stacioj, kiel kutime, sed ankaŭ la franca ŝtata stacio grandpotenca, Lyon PTT. La okazo estos unika ankaŭ pro tio, ke unuafoje *arta* Esperanta programo estos radio-dissendata el Francujo.

*La Kiso* estas opero en du aktoj de Bedrich Smetana, kaj la Esperanta traduko estas farita de J. V. Ŝamla. Kantos anoj de la Landa Operejo en Brno, kaj ludos la orkestro de la Verda Stacio. La dissendo okazos de la 21.35 ĝis la 22.30 laŭ vintra tempo de Greenwich (tiam valida en Britujo).

Post aŭdado nepre skribu al *Lyon PTT, 47 Cours Gambetta, Lyon* 3, *Francujo*.



La Sekretario de BEA disponas pri kelkaj ekzempleroj de la lasta numero de *Ĉeĥoslovaka Radio-Bulteno*, enhavanta plen-ajn detalojn pri la dissendo, kun resumo de la agado de la opero. Fruaj petantoj ricevos ekzemplerojn kontraŭ koverto letere afrankita.

### Por Mallong-onduloj

Sendube multaj el niaj legantoj posedas modernajn aparatojn, kiuj kapablas ricevi mallongajn ondojn. Ĉeĥoslovakio nun havas mallong-ondan stacion, Podebrady, kiu estas tre bone aŭdebla en Britujo, sed ĝis nun tiu stacio ne relajsas la Esperantajn programojn de la Verda Stacio.

Ni informiĝis, ke ekzistas bona ŝanco instigi tian relajson por estontaj Horetoj, se sufiĉe da Esperantistoj ĝin petos. Skribu do tuj al *Radio Podebrady, Ĉeĥoslovakio*.

La ondlongoj estas 19.7, 25.34 kaj 31.41. Kutime la longo 25.34 estas uzata por vesperaj programoj.

### Irlando Vokas

El Athlone, la 17an de oktobro, 18.05–18.20, s-ro Lorcán Ó h'Uiginn, P.C.T., parolos en Esperanto pri irlandaj kulturo kaj filozofio kaj "Irlando por Turistoj".

## ESPERANTA RADIOPROGRAMO—OKTOBRO 1937

| Tago kaj Dato. | | Horo (GMT). | Stacio. | Ondlongo Metroj. | Potenco Kv. | Pro-gramo. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **Dimanĉo :** | 3, 10, 17, 24, 31 | 09.10–09.25 | Kortrijk | 204 | .1 | P. |
| | 3, 17, 31 | 15.00–15.20 | Wallonia | 201 | .1 | P. |
| | 17 | 18.05–16.20 | **Athlone** | 531 | 100 | P. |
| | 3, 17, 31 | 22.40–23.10 | Hilversum | 1875 | 150 | P. |
| **Lundo :** | 4, 11, 18, 25 | 17.20–17.25 | Sottens | 443 | 100 | K. |
| | 4, 11, 18, 25 | 18.45–19.00 | Montpellier | 224 | 1.5 | P. |
| **Mardo :** | 5, 12, 19, 26 | 17.00–17.10 | Moravska-Ostrava | 269 | 11 | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 19.00–19.10 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 20.20–20.35 | Kaunas | 1961 | 7 | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 22.30–22.45 | PRF Rio de Janeiro | 31.58 | 15 | P. |
| **Merkredo :** | 6, 13, 20, 27 | 14.00–14.20 | Paris PTT | 431 | 120 | K. |
| **Ĵaŭdo :** | 7 | 21.35–22.30 | **Praha kaj relajsoj** | 470 | 120 | **Opero** |
| | | | **Lyon PTT** | 463 | 100 | ,, |
| **Vendredo :** | 15 | 20.30–20.50 | Bulgaraj Stacioj | 235 / 214 | 2 | P. |
| **Sabato :** | 2, 9, 16, 23, 30 | 14.15–14.30 | Lille | 247 | 60 | K. |
| | 16, 30 | ĉirkaŭ 16.10 | Hilversum | 301 | 15 | P. |
| | 9, 23 | 17.10–17.25 | Hilversum | 1875 | 10 | P. |
| | 2*, 9, 16, 23, 30 | 18.00–18.20 | Roma | 420 | 50 | P. |
| | 16, 30 | 20.05–20.15 | Lyon PTT | 463 | 100 | P. |

***En tiu dato, 19.00–19.20 BST.** **Kodo : P=Parolado. K=Kurso.**

## Persona

**ORA EDZIĜO**

**Robertson-Oliver.**—La 10an de septembro **1887,** en preĝejo St. Michael's, Wood Green, Londono, Robert Robertson kun Emily Mary Oliver. La redakcio gratulas kaj bondeziras.

**EDZIĜO**

**Durrant-Gibb.**—En preĝejo St. John's, Notting Hill Gate, Londono, la 4an de septembro, Ernest Donald Durrant, Radio-Sekretario (interalie) de B.E.A., kun Claudine Betty Gibb. Daŭran feliĉon !

**FIANĈIĜO**

**Oswell-Briggs.**—Charles A. Oswell kun Betty C. Briggs, ambaŭ membroj de la Esperanto-Klubo en Nottingham. Gratulon kaj bondezirojn.

**NASKIĜO**

**Nicholson.**—La 12an de aŭgusto en Rio de Janeiro, al Nancy (n. Levi) kaj Caroll Nicholson, filo, nomita Martin Buchanan. Koran bonvenon ! Ni gratulas nian samideanon, Kap. Colin Nicholson, pro lia aviĝo.

**MORTO**

**Rishworth.**—En Hull, la 17an de aŭgusto, Kol. Albert Henry Rishworth, O.B.E., 78-jara. Li estis dum multaj jaroj fervora Esperantisto, kaj prezidis la Societon en Hull jam de ĝia fondo en 1906. Ĝis la lasta tempo li konservis interesiĝon.

## Coming Events

**FEDERATION CONFERENCES**

**Lancashire and Cheshire.**—Church Hall, Market Street, Stretford, near Manchester, Oct. 16. Hon. Sec., Mason Stuttard, 9 Highfield Road, Blackpool, S.S.

**North-Eastern.**–International House, Sunderland, Oct. 9, 3.15 p.m. Details from J. Thompson, 46 Huxley Crescent, Gateshead 8, Co. Durham.

**South-Eastern.** — Congregational Church Hall, Tonbridge, Kent. Jubilee Conference, Oct. 9. Meeting 3 p.m., tea (1/–) 5, entertainment 6, during which the result of the Jubilee Competition will be announced. *Hon. Sec.*, S. E. Bellatti, 334 Pickhurst Rise, West Wickham, Kent.

**South Midland.**—Luton, Oct. 2. Details from W. A. Gething, 62 Carlton Crescent, Luton, Beds.

**South Wales and Mon.**—Friends' Meeting House, Cardiff, Oct. 9. Details from Miss Mair Jones, Bryn Cerdd, Seven Sisters, Neath, Glam.

**Yorkshire.** — Y.M.C.A., John Wm. Street, Huddersfield, Oct. 9. Meeting 3.30, tea 5.30, concert and social evening 6.30. Tickets for tea and entertainment, 1/6, from the Hon. Sec., H. Blakey, 10 Brudenell View, Leeds 6.

**Scottish.** — Highlanders' Institute, Elmbank Street, Glasgow, Oct. 16. All delegates are requested to attend.



**DISERVO**

**London.**—St. Ethelburga, Bishopsgate, 10an de oktobro, je 15.30. Solkantos E. H. Williams ; orgenludos C. P. Cocks. Antaŭprovo de la himnoj okazos ĉe 50 Woodlands Road, la 3an de oktobro je 15.30. Oni invitas ĉiujn.

---

**Sale and Exhibition** of work done by the blind, on Oct. 14 in Ilford. Esperanto Stall. Details from Miss Jones, 20, Westernville Gardens, Ilford.

# OFFICIAL NOTICES

*President :* G. D. Buchanan, F.R.A.S.
*Hon. Secretary :* Bernard Long, B.A.
*Hon. Treasurer :* Robert Robertson.
*Secretary :* R. B. Wilkinson.
*Propaganda Secretary :* M. C. Butler, M.R.S.T.

## NEW MEMBERS

| | |
|---|---|
| Barber, N. F. | *Teddington.* |
| Colyer, Mrs. A. | *London, S.E.3.* |
| Curtis, Mrs. E. | *Christchurch, N.Z.* |
| Field, Miss E. | *Heston.* |
| Gill, P. L. | *Northwood.* |
| Greaves, Mrs. G. W. | *Ashford.* |
| Greaves, G. W. | *Ashford.* |
| Green, T. C. | *Glasgow.* |
| Hodge, Miss A. | *Adelaide, S. Australia.* |
| Hurgon, R. K. | *London, N.W.3.* |
| Hurt, Miss I. E. | *Margate.* |
| Leathers, Miss L. M. | *Ipswich.* |
| Robertson, J. R. | *Victoria, Australia.* |
| Rolleston, Mrs. I. | *Shrewsbury.* |
| Smythe, J. | *Droxford.* |
| Sympson, J. P. | *London, S.W.16.* |
| Watt, A. R. | *Dundee.* |
| Wheeler, H. L. | *Leicester.* |
| Worcester, Miss K. M. | *London, S.E.3.* |

## DONATIONS TO B.E.A. DURING AUGUST, 1937

*General Funds :* R. Goodland, £2 ; C. E. Barnes, 10/– ; Miss A. Hand, 5/– ; R. F. Stephens, 3/9 ; F. W. Shaw, 2/1.

*Motor Car and Propaganda Fund :* R. Goodland, £3 ; "Delegito de U.E.A.," £1 ; W. A. Gibson, Col. Robinson, 10/– ; Miss A. Hand, 5/– ; "M. E. P.," 4/– ; Mrs. D. M. Worcester, 2/6 ; S. A. Andrew, 2/2.

## JUBILEE FUND

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged .. .. | 1,390 | 18 | 4 |
| Dovey, Miss E., Hove .. .. | | 3 | 0 |
| Errington, W. H., London, S.W.16 .. | | 11 | 2 |
| Gibson, W. A., W. Lothian .. | | 10 | 0 |
| Neal, Mrs. J. W., London, N.13 .. | 2 | 0 | 0 |
| | £1,394 | 2 | 6 |



## B.E.A. EXAMINATIONS

**Diploma.** — *William John Brigden, *London, S.W.17* ; Joan Gardiner, *Rawmarsh.*

**Preliminary by Correspondence.** — *Alfred G. Tucker, *Canterbury.*

* *Denotes Distinction.*

R. B. WILKINSON,
*Secretary.*

## THREE-YEAR PLAN CUP CONTEST (Third Year).—Figures on the 31st August, 1937

| | M. | F. | J.F. | G. | Exam Pts. | Total. | % |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. Glos. & Som. Fed. .. | 4 | 2 | – | 1 | 66 | 108 | 27.00 |
| 2. North-Eastern Fed. .. | 6 | 18 | – | – | 30 | 78 | 16.42 |
| 3. Lancs. & Ches. Fed. .. | 16 | 1 | 5 | 2 | 63 | 169 | 16.10 |
| 4. South Wales & Mon. Fed. .. | 3 | – | – | – | 24 | 39 | 14.18 |
| 5. Yorkshire Fed. .. .. | 10 | 1 | 1 | 2 | 36 | 128 | 13.47 |
| 6. London Fed. .. .. | 27 | 5 | 11 | 1 | 43 | 214 | 12.23 |
| 7. Scottish Fed. .. .. | 9 | – | 18 | – | 39 | 102 | 11.33 |
| 8. East-Midland Fed. .. | 5 | 1 | 3 | 1 | – | 49 | 8.91 |
| 9. South-Eastern Fed. .. | 7 | 2 | 1 | 1 | 21 | 79 | 8.78 |
| 10. Eastern Fed. .. .. | 9 | 1 | 1 | – | – | 47 | 8.55 |
| 11. Southern Fed. .. .. | 4 | 2 | – | – | 9 | 31 | 8.27 |
| 12. South Midland Fed. .. | 5 | – | 4 | – | – | 29 | 6.44 |
| 13. West Midland Fed. .. | 7 | – | 4 | – | – | 39 | 4.59 |
| 14. Northants Fed. .. .. | – | – | – | – | – | — | — |
| *Overseas.. .. .. | 13 | – | – | – | 6 | 71 | 18.93 |
| *Non-Federated Areas .. | 3 | 1 | – | – | – | 16 | 3.56 |

* Not competing for the Federation Cup.

## SMALL ANNOUNCEMENTS——ANONCETOJ

**1d. per word. Minimum 1/- per issue. Prepaid.**

*Copy must be received at our offices by the 6th of the month for insertion in the next issue.*

**Stamps.**—25 different used Coronation George VI. 3/6; 100 different Canada 5/-; 25 different Palestine 1/6; 25 different Cyprus 2/6; 50 different British Penny Plate numbers 2/6. Four-page list of British stamps free. W. Appleby, 47 Clarence Street, Cheltenham.

**Parizo.**—Familio akceptas pensionulojn. Speciala kaj rapida metodo lerni la francan lingvon. Komforta vilao 15 km. de Parizo. Skribu al S-ino Gernaey, 28 Boulevard République, Chatou (Seine-et-Oise).

**All Labour Esperantists** should join the British Labour Esperanto Assn., which forges strong international links of friendship and understanding. YOU CAN HELP. Send 3d. for details and specimen journals. Secretary: S. J. Smith, 36, Womersley Rd., London, N.8.

**The Workers' Esperanto Movement** (SATEB) for all class-conscious Esperantists. Write to Sec., SATEB, 79 Bent Street, Manchester 8.

**12 vortoj, 1 ŝil. (5 resp. kup). Pluaj vortoj po. 1p.**

*Teksto devas atingi nian oficejon, kun antaŭpago, antaŭ la 6a de la monato por presigo en la sekvonta numero.*

**Unemployed writer** urgently requires homework; publicity, copywriting. Journalist, c/o B.E.A.

**Wanted.**—Millidge with Index. Offers stating condition. H. Benson, 189 Lammack Road, Blackburn.

**Suferantoj** pro *astmo, kataro, kaj aliaj bronkaj malsanoj* uzu DYSPNE-INHAL. Dusemajna Provo Senpaga. Por informoj turnu vin al P. Blaise kaj H. S. Hankins, "Bonveno," 19 Litchfield Avenue, Morden, Surrey.

**Anat. Volochov,** U.S.S.R. Lugovaja, Moskov-Savclova Railway, Institute Kormov, deziras korespondi pri ĝardeno, radio, kaj vivkutimoj. Interŝanĝas amatorajn fotografajojn kaj ilustritajn ĵurnalojn.

**Ronald Giorgis,** via Genova 76, Torino 128, Italia. Korespondos Esperante, angle. Interŝanĝos poŝtmarkojn.


# THE BRITISH ESPERANTIST

**Publishers (Eldonistoj):**

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC.,
142, HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1. *Telephone:* HOLBORN 4794.

**Editor (Ĉefredaktoro):** FRED WADHAM.

**Literary Editor (Literatura Redaktoro):** MONTAGU C. BUTLER, M.R.S.T.

RATES OF SUBSCRIPTION *(including postage to any part of the world)—Twelve months,* 2/6. *Single copies, Three Penny Stamps. (Free to B.E.A. members).*

ADVERTISEMENT RATES *will be quoted on application to the Secretary of the B.E.A.*

JARABONO: 3 svisaj frankoj. Unuopaj ekzempleroj: po 30 centimoj (aŭ unu respondkupono). Oni sendu manuskriptojn al la Ĉefredaktoro. Li resendos nur tiujn manuskriptojn, kiujn akompanos afrankita koverto, aŭ respondkupono. Li rezervas la rajton fari korektojn laŭbezone.

MANUSCRIPTS *should be typewritten, and be addressed to* THE EDITOR. *The Editor does not hold himself responsible for loss or damage, nor does he undertake to return manuscripts unaccompanied by a stamped addressed envelope. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned. Matter should be received by the 8th of the month.*

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION *consists of Fellows, Members, Affiliated Groups, and Federations. The Annual Subscriptions are:— Fellows,* 21/-; *Members,* 5/-; *Junior Members (under* 18), 2/6; *Life Fellowship,* £12. 12s. 0d.; *Life Membership,* £5. *(See prospectus).*